# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO X, SOFIA — BULGARIO
JULIO—SEPTEMBRO 1966, № 3



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## ANKORAŬ UNU FRUKTODONA JARKUNVENO DE TEĴA

51-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapest. Bonega kongreso en belega ĉefurbo, la plej amase vizitita post la Dua mondmilito. Pli ol kvar mil delegitoj kaj gastoj el pli ol 40 landoj de la kvin kontinentoj! Kaj inter ili pli ol cent ĵurnalistoj kolegoj, jam amikoj. Kun multaj el ili ni jam kelkfoje renkontiĝis dum Universalaj kongresoj, amike diskutis la aferojn de TEĴA dum jarkunvenoj.

Kompreneble por la brilsukcesa preparo kaj laboro de la 51-a UK, de ĉiuj ĝiaj programeroj, kunvenoj, kunsidoj, inkluzive la jarkunvenon de TEĴA, gravan meriton havas ĵurnalistoj-esperantistoj en Budapest, la Gazetara Servo de LKK kaj lia gvidanto kolego Imre Szenes. En Budapeŝto fondiĝis Ĵurnalista E-grupo ĉe Hungara Ĵurnalista Unuiĝo kiel sekcio de TEĴA.

La jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio estis bone preparita de niaj budapeŝtaj kolegoj kun la helpo de la sekretariaro de Hungara Ĵurnalista Unuiĝo. La kunveno mem okazis la 2-an de aŭgusto matene en unu el la salonoj de la Domo de la Hungaraj Ĵurnalistoj, kiu troviĝas sur strato Népköztarsasag 101, en la centro de la hungara ĉefurbo. La gastigantoj — la sekretariaro de HĴU — donis samtempe koktelon al la ĉeestantoj.

Kiel ĉiam okazas, ankaŭ nun multaj ĵurnalistoj ne sukcesis ĉeesti la kunvenon de TEĴA, ĉar estis okupitaj en aliaj gravaj kunvenoj kaj kunsidoj (de la Komitato de UEA, de MEM, ktp).

La jarkunveno havis la jenan tagordon

1. Raporto pri la agado de TEĴA kaj de la estraro.
2. Diskutoj.
3. Elekto de nova estraro.
4. Referato pri „Fakspertoj pri la hungara porkongresa gazetara laboro kaj kelkaj proponoj".

La prezidanto de nia asocio Olav Thormodsen el Haugesund, Norvegio, malfermis la jarkunvenon per koraj salutvortoj. Li salutis la ĉeestantojn kaj bondeziris al ili fruktodonan laboron. La ĵurnalistoj — diris li — ĉiam serĉas unu lingvon por interkompreniĝo. Se ni nun parolus en multaj lingvoj, nia kunveno daŭros pli longe. La prezidanto dankis al la estraro de la Hungara Ĵurnalista Unuiĝo kaj al la lokaj kolegoj, kiuj disponigis al ni tiujn belan salonon kaj atmosferon por plensukcesaj diskutoj.

### LA NOVA ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Nillo Kavenius, Taskulantie I, H139, Turku 9, Finnlando.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 3-34-04.*

*Estraranoj: N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv.1., Moskva G-34, USSR; s-ino Karen Salmose, V. Sallerup, Eslöv, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspienski, Anielewicza 2 m 32, Warszava, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando, (La lastaj du adresoj neplenaj).*

La jarkunvenon salutis en la nomo de la Hungara Ĵurnalista Unuiĝo Laslo Kristof — ĉefo de la sekretariaro de la prezidantaro de HĴA en Budapest. Li emfazis la gravecon de nia afero kaj de Esperanto. Li mem iam lernis Esperanton kaj scias bone ĝian utilon por la tutmonda ĵurnalistaro.

La gvidanto de la jarkunveno — vicprezidanto de TEĴA Ivan Keremidĉiev Esperov, post la kontrolo de la ĉeestantoj, donis la parolon al la prezidanto Olav Thormodsen por tralegi la

**Raporton pri la agado de TEĴA kaj ĝia centra estraro dum la jaroj 1964—1966**

La prezidanto Thormodsen unue menciis la ĝeneralajn sukcesojn de la Esperanto-movado en la mondo, gvidataj de la Estraro de UEA: La Jaro de Internacia Kunlaboro, la Peticio al UNO, la enpenetro de E. en la fakajn organizaĵojn k. a. Kun fiero ni povas diri, ke la esperantista ĵurnalistaro estis en la unuaj vicoj por la efektivigo de ĉiuj kampanjoj. Niaj kolegoj laboris samtempe ankaŭ por plenumo de aliaj gravaj taskoj — la organizado de efektiva kaj vasta Esperanto informado, multaj teĵanoj fariĝis kunlaborantoj de la Informa Fako kaj de la Gazetara Servo de Universala Esperanto-Asocio.

Dank' al la laboro de la ĵurnalistoj pliboniĝas la redaktado de la Esperanto-gazetaro, multobliĝas de jaro al jaro la materialoj por kaj pri Esperanto en la nacilingvaj gazetoj, radio, televido. Plifortiĝas ankaŭ la kunlaborado inter niaj kolegoj, malgraŭ ke ĝi ankoraŭ estas nesufiĉe vasta kaj organizita. La raportinto donis iujn ekzemplojn en tiu rilato.

Thormodsen tuŝis ankaŭ la organizan staton de nia TEĴA. La Asocio havas pli ol 300 regulajn membrojn. La domaĝo estas, ke multaj el ili ankoraŭ ne havas eblecon pagi sian membrokotizon. Por tio kulpas ankaŭ la Estraro, kiu ne trovis bonan manieron por la kolekto de la kotizoj. Iuj neregulaj membroj, kiuj ne emas pagi kaj intencas ricevi „Internacian Ĵurnaliston" donace, estis forstrekitaj el la membrolisto de TEĴA.

Estas tamen respondeculoj kaj membroj, kiuj ĉiam interesiĝas pri la agado de nia asocio. Inter la sekcioj kaj grupoj de TEĴA en apartaj landoj estas iuj kiuj tre bone laboras. En la raporto oni menciis la laŭplanan kaj modelan laboron de la ĵurnalista grupo en urbo Plovdiv, Bulgario, gvidata de la kolego Ivan Ŝivarov. Jam ni havas ankoraŭ unu novan sekcion — en Budapeŝto, kiu montris ĝis nun viglan agadon. Devo de ĉiu estrarano, komitatano, reprezentanto kaj membro de TEĴA estas trovi manieron por la pago de la membrokotizo, por altiro de novaj sekcioj kaj grupoj en apartaj landoj kaj urboj. En la sekcioj kaj grupoj oni povas pli bone kaj laŭplane organizi nian profesian agadon, nian internacian kunlaboradon. Ni devas funkciigi nian Gazetaran Servon, la turisman kaj profesian gastigadon kaj vojaĝojn.

La raportinto parolis

**Pri la eldonado de nia organo „Internacia Ĵurnalisto"**

Feliĉe, nia organo eniris dekan-jubileanjaron. Dank' al la klopodoj de ĝia redaktoro Iv. Esperov kaj liaj kunlaborantoj, „I. Ĵ." el stencilita bulteno en la unua jaro transformiĝis en belan organon de TEĴA, grandformate presitan. Kvankam ankoraŭ modesta. Unuatempe ni ne havis seriozan materialanfinancan bazon por ĝia eldonado. Sed nun ni venkis malfacilaĵojn dank' al la obstineco de ĝia redakcio, al la helpo de la bulgaraj ĵurnalistoj. La eldonkvanto de „I. Ĵ." estas 700 ekzempleroj. Ĉar la organo jam havas aparte abonantojn, kiuj de jaro al jaro plimultiĝas, la redakcio estis devigata forstreki iujn el la ricevintoj, kiuj ne pagas sian membrokotizon aŭ abonkotizon.

La plibonigita financa bazo de „I. Ĵ" permesis al ĝiaj redaktoroj plibeligi ĝian aspekton kaj pliriĉigi ĝian enhavon. La organo jam aperas kun belaj ilustritaj kovrilpaĝoj ek de 1966 j. Ni intencas ankaŭ pliogtigi ĝian eldonperiodon—tri aŭ du-monate. Sed tio dependas ankaŭ de la helpo de ĉiuj membroj de TEĴA kaj kunlaborantoj de „I. Ĵ." Por efektivigo de tiu intenco oni devas regule pagi la membrokotizon kaj kolekti abonojn de nemembroj de nia asocio, ni devas pli regule, konstante kunlaboradi al la organo per materialoj—artikoloj, informoj, fotoj ktp.

La raportinto finis per la apelo: Al streĉa laboro, karaj geamikoj, por efektivigo de nia kara Esperanto-afero, por la amikiĝo kaj kompreniĝo de la homoj en la mondo, por la triumfo de la tutmonda paco.

**Viglaj diskutoj**

okazis post la tralego de la raporto. Ĉiuj parolintoj pritraktis serioze la raporton, kritikis, donis rekomendojn kaj proponojn por la estonta laboro de la asocio kaj de la estraro.

Unua prenis la vorton D-ro Lajos Marton el Budapest. En formo de memkritiko s-ano Lajos diris, ke post la landa E. kongreso en Varna, Bulgario 1958, kie okazis aparta ĵurnalista kunveno, li pro diversaj oficaj, sociaj k. a. okupoj ne kontribuis multe al nia afero, sed estonte tio ne okazos, des pli, ke li jam estos redaktoro de la novefondita revuo-organo de la juristoj-es-

perantistoj. La preso estas granda potenco — menciis li — kaj ni devas utiligi ĝin por informi la homojn pri ĉiuj eventoj. Ni devas ankaŭ apogi nian „Int. Ĵ-ston", ĉar ĝi estas nia organizilo. Ĝi instigas nin al laboro, dokumentas nian agadon. Ankaŭ li dankis al la Hungara Ĵurn. Unuiĝo por la apogo de nia peresperanta ĵurnalista agado, pro la bona pritakso de la Internacia Lingvo.

*Kolego* J. V i t e k *el Melnik*, Ĉeĥoslovakio, raportis pri la aferoj en ĈSR. La E. afero en nia lando — diris li — ankoraŭ ne estas en ordo, ĉar ni ankoraŭ ne havas E. Asocion, sed nur E. Komitaton. Sed la ĵurnalistoj estas unuigitaj en seksioj kaj laboras bone laŭ la kondiĉoj. En la naciilingva gazetaro pasintjare ni aperigis 335 artikolojn. La reprezentanto de TEĴA Zednik interesiĝas pri nia laboro. Ĉe ni ne mankas bonaj volo kaj deziro antaŭenpuŝi la aferon.

Redaktoro M a r i n k o G j i v o j e el Dubrava, Jugoslavio, rimarkigis, ke de persona sperto li scias, ke eldoni E. gazeton estas ne facila afero kaj ke la bulgaraj ĵurnalistoj bone laboras. Ni bondeziru al ili pluan sukceson en la eldonado de nia organo. Li salutis la *novefonditan ĵurnalistan E. sekcion* en Hungario. Ni devas montri ĝian laboron kaj peni organizi ankaŭ en aliaj landoj similajn grupojn. Ni devas turni atenton al la landoj, kie ne ekzistas bonaj kondiĉoj, por antaŭenpuŝi nian aferon.

Post tio la parolon prenis redaktoro K r s t j u K a r u ç i n el Sofia, Bulgario. Li parolis pri la neceso disvastigi E-ton inter la profesiaj ĵurnalistaj organizaĵoj. Sed ni ne forgesu, ke kontribuaĵojn donas al la gazetaro ankoraŭ ne profesiaj ĵurnalistoj, eĉ ne ĵurnalistoj. Ni laboru ankaŭ kun ili. Pli utila estas la *propagando, kiam ni per faktoj kaj* ne per laŭdoj montras la kvalitojn de la Internacia Lingvo, liajn praktikajn profitojn por nia ĵurnalista profesio. Malbone estas, ke nia Gazetara Servo ankoraŭ ne funkcias kiel necese. Sed tre bone estas kiam ni—ĵurnalistoj per senpera kontakto interŝanĝas gazetmaterialojn. Ne estas loko por du organizaĵoj — de ĵurnalistoj kaj de eldonistoj. Ili devas unuigi sin en unu organizaĵon. Necese estas ankaŭ organizi reciprokajn gastigadojn kaj vizitojn.

En la nomo de la plej vigla ĵurnalista grupo parolis I v a n B a t a k l i e v el Plovdiv, Bulgario, kiu rakontis kiel la grupo organizas, planas kaj realigas siajn planojn. Ni anticipe planas kiu el ni kiun artikolon aŭ raportaĵon skribos, por kiu gazeto. Krom gazetmaterialoj ni preparas ankaŭ referatojn, prelegojn por esperantistoj kaj ne esperantoj. Niaj artikoloj kaj informoj estas precipe peresperantaj — rezultoj de nia peresperanta laboro.

Parolis ankaŭ la radio-parolistoj de Radio Warszawa s-ino B. S o k a l o w n a kaj A n d r e j P e t t i n. Ili donis proponojn pri la pliintensigo kaj pliperfektigo de la interŝanĝado de Esperanto-informoj. Ili proponis starigon de Internacia Informa Servo en strikta kunlaboro kun la informaj fakoj de la landaj E. asocioj. *La landaj E. asocioj, kiuj* akceptos la iniciaton de TEĴA, eldonados regule-almenaŭ unufoje monate—informan bultenon pri E. -eventoj en la koncerna lando kaj dissendados la bultenojn al interesitaj redakcioj de E. — gazetoj, radio — kaj televidstacioj, ankaŭ al ĉiuj informaj fakoj de la landaj asocioj.

S-ano L. A b e r g el S k ö v d e, Svedio, raportis pri la laboro de la informa servo ĉe la Sveda E. -asocio. Ĉiusemajne (2—3-foje monate) ni aperigas informilon en 200 ekzempleroj kaj sendas ĝin al pli ol 100 gazetoj. Li menciis la utilan laboron de Radio Warszawa dissendanta regule siajn informojn kaj proponis ke oni penu aperigi la raporton de la budapeŝta kolego („Fakspertoj pri la hungara porkongresa gazetara laboro kpt." — presita ankaŭ en tiu ĉi n-ro de „I. Ĵ." resume) en revuo „Esperanto" de UEA.

Eldiroj kaj proponoj faris ankaŭ prof. E. F e n y v e s i el Budapest, I v a n K e r e m e d ĉ i e v E s p e r o v el Sofia k. a. Poste la jarkunveno de TEĴA aprobis la agadon de la ĝisnuna estraro de la asocio. Prezidanto Thormodsen dankis al la parolintaj kolegoj pro iliaj sugestoj, proponoj kaj kritikoj.

Post tio Esperov donis la vorton al kolego Imre Szenes, budapeŝtano por legi sian referaton, kiu sekvas aparte — sube.

*La lasta punkto de la tagordo estis:* E l e k t o d e n o v a e s t r a r o d e TEĴA.

Post pridiskuto oni elektis la jenajn kolegojn: O l a v T h o r m o d s e n — prezidanto, N i i l o K a v e n i u s — vicprezidanto, la redaktoro I v a n K e r e m i d ĉ i e v E s p e r o v — ĝenerala sekretario (por unu jaro laŭ lia propono, post kiam oni elektos alian sekretarion), Nikolao F. Danovskij, s-ino Zlata Flego, Jepsen, Imre Szenes, kaj s-ino Karen Salmose.

La jarkunveno de TEĴA pasis en kolega interkonsento kaj bona, krea atmosfero. Ĝi estas nova, pli alta ŝtupo en la plifortiĝo de TEĴA. Ĉiuj ĉeestantoj amike adiaŭis unu la alian, promesante eklabori estonte pli vigle por la efektivigo de la taskoj kaj devoj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

La planita kolektiva vizito al la redakcio de la centra profunuiĝa gazeto ne realiĝis pro subita deviga foresto de la ĉefredaktoro de la gazeto.

## GRANDAN SUKCESON AL VI, KARAJ KOLEGOJ!*)

Preskaŭ ĉiujare renkontiĝas diversaj taĉmentoj de ĵurnalistoj. Ili ĉiam havas pri kio paroli, kion paroli, kion decidi. Preskaŭ ĉiujare kolektiĝas ankaŭ esperantistoj. Kaj ilia labortempo estas same remburita per aktualaĵoj kaj urĝaĵoj.

Dume niaj kunvenoj kolektas dekojn da ĉeestantoj. Sed ni estas certaj, ke baldaŭ ni transiros al centoj kaj miloj. Ĉar ĉiuj objektivaj indikoj kaj simptomoj atestas tion. Malgrandaj riveretoj de apartnaciaj movadoj kunfluas en grandan komunan riveron de nia ĝenerala afero. Kaj ĝi ĉiam nehaltigeble kaj nebremseble kreskas, evoluas, vastiĝas kaj profundiĝas.

En Universalaj Kongresoj de Esperanto estas montrataj brilaj ekzemploj de konkorda kaj pacama kunlaboro inter Oriento kaj Okcidento. Kaj tio estas bona modelo por pli grandskalaj pacaj kunlaboroj de orientaj kaj okcidentaj popoloj. Grava evento en nia esperantista vivo estas renkontiĝoj dum la kongresaj manifestacioj de delegitoj el ambaŭ partoj (ŝtatoj) de Germanio — GFR kaj GDR.

De jaro al jaro pli esperantistaj valoroj iĝas samtempe ĝeneralpopolaj valoroj, ĉar Esperanto eniras ĉiam pli profunden en la vivon. Jen — la 20-an de aŭgusto okazos inaŭguro de l' monumento de S. I. Taneev en vilaĝo Djudkovo, apud Moskvo. Monumento de esperantisto-komponisto S. I. Taneev, kreita de esperantisto-skulptisto N. V. Blajkov — tio estas grava esperanta ĝeneralpopola evento. Kaj ni esperas ĉeesti kaj priskribi ĝin por ĝenerala kono.

Jen studenta teatro de l' Moskva Ŝtata Universitato ludas „Cimon" de Vl. Majakovskij. La spektaklo jam estis prezentita dum la junulara E. Kongreso en Peĉ, Hungario. En Moskvo ĝi estis vere konsterna sensacio. Sekve—kreskas nia esperanta teatra kulturo. Kaj do ni jam havas kvin E. teatrojn. Grava evento estas ankaŭ la apero de la Ruso-Esperanta vortaro.

Ĉiuj ĉi eventoj, kiom ajn modestaj ili estu, atestas la senhaltan antaŭeniron, nebareblan progreson de l' interpopola lingvo, bazanta sin sur interpopola strebo al kultura vivo, al paco, amikeco kaj konkorda kunekzisto.

En tiuj kondiĉoj plialtiĝas la rolo de la esperantistoj-ĵurnalistoj. Ĉar ili ja devas rapide, elokvente, vere kaj fakte priskribi tion, kion ili mem vidis, palpis, kion ili mem eksciis, ekaŭdis, spertis. Kaj la famo de l' Internacia Lingvo pluen kaj daŭre progresos kune kun iliaj diligentaj penoj. Ĉar pleje gravas en la laboro de esperanta ĵurnalisto du faroj:

A. Faktoj, diskonigataj de la ĵurnalisto, faktoj de popola signifo kaj esperanta signifo samtempe.

B. Konstanta internacia kunlaboro de esperantisto — ĵurnalisto, akcelanta al plua diskonigo de faktoj kaj eventoj.

Kaj en tiuj du aspektoj aŭ du facetoj — vertikala kaj horizontala—plektiĝas la tuta reto de internacia ĵurnalismo—ĵurnalista laboro kaj kunlaboro. Ĉiuj penoj kaj ĉiuj streboj por disvolvi la laboron de internacia ĵurnalismo, certe kaj ĉiam, estas ligitaj kun ĝeneralaj kaj principe fundamentaj eventoj de la monda scenejo. Kaj en tiu senco la paco estas ĉiam necesa premiso kaj aspiro de ĉiu progresema homo por ĉiu utila iniciato de la homoj de bona volo. Tial en ĉiuj kondiĉoj la lukto por paco, kontraŭ fremdnaciaj subpremoj kaj militiroj estas sankta devo de ĉiu progresema ĵurnalisto.

Kaj por esperantisto-ĵurnalisto la graveco de tiu pozicio multobliĝas, ĉar tiu ĵurnalisto estas precipe kaj radike adepto de naciegaleco, suvereneco, interpopola amikiĝo, kontraŭulo de ajna speco de rasisma, koloniisma aŭ naciamalama teorio kaj praktiko.

Ĉiuj ni estas ofte plenaj de deziro skurĝi la progreson, plirapidigi la paŝon de evoluo. La ĵurnalistoj estas kutime emaj antaŭvivi la eventojn. Ili ĉiam estas senpaciencaj en la malrapida trajno de l' vivo.

Kaj ni, esperantistoj-ĵurnalistoj estas despli emaj al akcelado de la tempofluo. Ja tro da baroj kaj kontraŭfortoj staras sur vojo. De unu flanko la historia temp-limo 1887—1966 montras, ke jam proksimiĝas silueto de jarsento. Aliaj movadoj jam fariĝis majstroj de tempo kaj mensoj. Dum la Internacia Lingvo tiel modeste postrestas. De alia flanko diversaj misfortoj baras kaj rikanas. Iuj certigas-neniu internacia lingvo estas bezonata. Ĉion plenumos elektronaj maŝinoj. Ni nur kunportu etan valizon kun elektron-tradukilo. Kaj ĉio estos solvita. Vi alpaŝas la iu homo, per ajna balbuto difinas la sciatan lingvon, turnas vernierojn de la aparato — kaj ĉio pretas. Vi diras al via vas lizo en via lingvo, kas li en sia. Kaj la valizo plej perfekte peras al vi. Fabele spritas ĉio!

Aliuj diras: ĉion plenumos naciaj lingvoj en simpla uzo de tradukistoj. Sed, bedaŭrinde, en la realo tio aspektas aliel. Helpas nek tradukistoj, nek elektronaj tradukiloj.

Kaj Esperanto travivis kelkajn malfacilaĵajn periodojn (Ido, militoj, elektrona pseŭdo-supero kc.) Sed ĝis nun ĉiuj frapoj kaj minacoj ŝanceliĝinte por iu tempo la edificon de la movado, venigis ĉiufoje al pli kaj pli firma pozicio. Kaj ĉiam la atendanta kaj spertata malfacilo hardigis la movadon kaj venigis al novaj sukcesoj. Same estas nun. En ĉiu malfacilo Esperanto sukcesis ĉiam trovi elementon kiu plifirmigis la movadon kaj donis al ĝi novan svingon, ĉiam pli da apogo, ĉiam pli da certeco.

Bedaŭrinde, mi ne povas ĉi jare ĉeesti la ĵurnalistan jarkunvenon en Budapest, kvankam mi esperis kaj sopiris vidi ĉiujn kolegojn kaj samprofesianojn, kiujn mi sukcesis ekkoni kaj ekŝati. Al ĉiuj ili (Thormodsen, Keremidĉiev, Batakliev kaj aliaj) mi deziras plej gravajn sukcesojn kaj atingojn. Mi eĉ envias, ke ili povas ĝui la komunan konkordon kaj ĝoji de l' ĵurnalista kunlaboro.

Plej grandan al vi feliĉon kaj sukcesojn, karaj gekolegoj!

Mi salutas vin tutkore kaj deziras sukcesplenan laboron al nia avangarda TEJA-kolegaro!

**N. F. DANOVSKIJ**

---

*) Bedaŭrinde, pro deviga pli frua ekveturo de la kongresano, kiu devis kunporti la salutleteron de Danovskij, ĝi alvenis post la okazigo de nia jarkunveno.

## SALUTON AL LA JARKUNVENO

*Okaze de la jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio akceptu de mi sincerajn plej korajn salutojn. Laboru brave, efike por antaŭenpuŝi nian Asocion ĝis la fina venko. Mi proponas starigon de Gazetara Servo sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto" por disponigi al niaj teĵanoj interesajn novaĵojn el tutmondo.*

**Emil Mayer**, Krakov, Pollando

## FAKSPERTOJ PRI LA HUNGARA PORKONGRESA GAZETARA LABORO KAJ KELKAJ PROPONOJ

(Referato de Imre Szenes, legita en la jarkunveno de TEĴA en Budapest)

La referato konsistis el du partoj. Unue-kiel respondeculo pri la Gazetara Servo kaj LKK-ano de la 51-a UK, la prelegînto parolis

Pri la porkongresaj preparlaboroj.

Dank' al la laboro de la Gazetara Servo kaj de la ĵurnalistoj-esperantistoj-profesiaj kaj neprofesiaj — en la hungara gazetaro aperadis pli multnombre sciigoj, raportoj, artikoloj ktp. pri la Internacia lingvo kaj pri la tutmonda Esperanto-movado ol aperis dum la lastaj dudek jaroj. Surprize estas, ke ne nur la grandaj gazetoj kaj la radio, sed ankaŭ multaj fakaj, uzinaj kaj provincaj gazetoj aperigis materialojn pri Esperanto. Rompita estas la longa periodo dum kiu malnovaj stultaĵoj kaj snobecaj antaŭjuĝoj malfaciligis al la E-movado prezenti sian voĉon antaŭ vasta publiko.

La aperigitaj materialoj ne estis pure propagandaj, sed ili montris praktikajn rezultojn de nia peresperanta laboro por plifirmigo de la internacia kunlaborado. Laŭ la sciigo de la gazeto de Elektrona maŝinfabriko, la esperantistoj tie laboras por flegi la amikecon kun E-grupo en urbo Taŝkent per viglaj dialogoj, per interŝanĝo de faka sperto korespondante per magnetofonbendoj. En konstanta riĉenhava rubriko la tagĵurnalo „Dunánuli Napló" antaŭ nelonge raportis kiel unu budapeŝta fakulo nur per helpo de esperantistoj soveta kaj hungara sukcesis akiri prospektcn pri sovetaj statistikmaŝinoj. La loka ĵurnalo en Dunaujváros informis, ke anoj de fervojista grupo amike kontaktas kun mekanikistoj esperantistoj el Brno per la internacilingvaj disaŭdigoj de Radio Praha. Krome ili interkorespondas pri teknikaj temoj kun svedaj ferlaboristoj. Ili interrilatas ankaŭ kun la gazeto „Kemio Internacia".

Do, ne hazarde la loka gazeto mencias, ke en Dunaujváros funkcias urba lerneja kaj naturamika E-grupoj.

La fabrikgazetoj en Budapeŝto proponis, ke la socialismaj brigadoj ellernu Esperanton por interŝanĝo de sperto kaj fakgrupoj kun eksterlando. En kelkaj fabrikoj komencis E-kursoj. En iuj gazetoj kiel en „Müanyag" estas speciaiaj E-rubrikoj. Lamtramista gazeto aperigis serion da lecionoj (kurso de E-to).

En iuj pli gravaj gazetoj estas publikaĵoj de eminentaj homoj. La vespera ĵurnalo „Esti Hirlap" skribis pri mondvojaĝanta teknikisto de telefoncentroj, kiu preferas E-on ol la aliaj konataj de li tri naciaj lingvoj. La grava ĵurnalo „Nènszabadsag" donis bonan bildon pri la laboro de la esperantistoj en regiono Viharsarok. En alia informo oni legas pri adjunkto de teknika universitato, kiu, ellerninta Esperanton dum 4 monatoj, pli bone uzas ĝin ol aliaj lingvoj en sia korespondado kun japana scienculo, soveta matematikisto kaj franca inĝeniero, en internaciaj sciencaj sciencaj konferencoj.

La honora prezidanto de la Hungara E. Asocio kaj Kossuth-premiita akademiano—Mor Korach—publikigis artikolon en „Nepszabadsag" sub la titolo „Esperanto kiel scienca lingvo." Simile gravan artikolon komunikis la literatura gazeto „Élet ès Irodalom" („Vivo kaj Literaturo") de Kolomano Kalocsai — nia mondfama E-arttradukisto kaj poeto, — en kiu li klarigas per esea riĉeco la interrilatojn de E. kaj la literaturo, pri ĝia rolo en la evoluo de la Internacia Lingvo, pruvis ĝian esprimriĉecon, elegantajn nuanceblojn, egalrangaj al la naciaj lingvoj. La ĵurnalo „Vivo kaj literaturo" en gloso komencis diskuton de la literaturaj konceptoj de alia priesperanta artikolo, pli frue aperinta en alia ĵurnalo. Sekve de tio la ambaŭ gazetoj oferis lokon por aliaj opinioj. Konkluda artikolo fine donis K. Kalocsai.

Plezurigaj diskutoj okazis konekse kun la pasintjara artikolo de la provinca gazeto „Eszak-Magyarorzag" („Nord-Hungario"), en la fakgazeto de la eksportistoj. La elstara lingvisto, akademiano kaj Kossuth-premiito — doktoro Géza Berczi, membro de la prezidantaro de Hung. Esp. Asocio, per seriozaj argumentoj pruvis la gravecon kaj la certan estontecon de Esperanto. Priesperantajn materialojn aperigis ankaŭ la revuoj „Orszag-Vilag" („Lando kaj Mondo"), „Magyar Ifjusag" — junulara.

Similaj polemikoj estas propagandefikaj eĉ kiam iu el la eldiroj estas kontraŭ E-to, kondiĉe ke oni publikigas ankaŭ respondojn poresperantajn. Oni aparte devas mencii la publikan leteron de hungaraj olimpiaj ĉampionoj kaj sportgvidantoj, adresintan al la Internacia Olimpia Komitato, aperinta en ĵurnalo „Nepszava".

Nur per grandaj laŭdoj oni povas pritaksi la pri esperantajn sciigojn de la Hungara Telegrafa Agentejo. Ĉi-la agentejo—disponigis al la gazetaro kaj la radio multajn interesajn materialojn kaj faktojn pri E. kaj nia movado. La radio kaj la televido—laŭ siaj kondiĉoj—multvalore helpis la preparon de la granda internacia manifestacio — la Universala Kongreso de E-to. Aparte menciindaj estas la ĉiutagaj kvaronhoraj disaŭdigoj de la radio komence de februaro, sekvataj de alveno en la radio de multaj leteroj el eksterlando, kio instigis ĝiajn gvidantojn decidi regulan disaŭdigadon. La disaŭdigoj estas interesaj, tial en iuj landoj oni surbendigas kaj utiligas ilin por lingvaj ekzercoj, por kontentigi siajn kulturajn interesojn.

La raportinto menciis en sia referato, ke la E. gazetaro en la tuta mondo aperigis multajn artikolojn pri Hungario, disponigitajn plejparte per la Gazetara Servo de Hung. Esp. Asocio.

Ruzulte de tiu porkongresa laboro de la esperantistaj kolegoj en Hungario, oni organizis ĵurnalistan rondon de Esperanto-geamikoj, kiuj parolas aŭ serioze intencas ellerni la Internacian Lingvon. La rondanoj utiligos E-ton en siaj kunlaboro kaj vojaĝoj eksterlande.

Iuj proponoj pri la laboro de TEĴA

En la dua parto de sia referato la kolego Imre Szenes tuŝis iujn demandoj koncerne la agadon de nia TEĴA, la redaktadon de nia asocia organo „I. Ĵ." Li

(Daŭrigo sur pogo 6, sube)

---

KOLEGOJ! PAGU SIATEMPE VIAN MEMBROKOTIZON AŬ ABONKOTIZON!

*Se vi deziras ke nia kara TEĴA plifortiĝu, se vi deziras ke la organo „Internacia Ĵurnalisto" aperadu regule en pli bona formo kaj enhavo, ne forgesu tuj pagi vian membrokotizon aŭ abonkotizon. Pagu al via landa estrarano, komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA, aŭ rekte al la redaktoro en Sofio, Bulgario.*

# RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

Moderna Esperanto — the International Scientific Language by Teodoro Lahago — Englich verstion. Libreto 56-paĝa, granda formato.

Bohuslän — suna somerparadizo en Svedio. Riĉe ilustrita faldfolia prospekto. Eldono de Turisma Trafika Asocio de Gotenburgo kaj Bohusläv (GBTE), Svedio.

Utilaj sciindaĵoj pri Hungario. Libreto 48-paĝa, eldonita okaze de la 51-a UK kun diversaj faktoj kaj sciindaĵoj pri la kongreslando. Eldonis: Fremdultrafika Oficejo, Budapeŝto.

Budapeŝto — perlo de Danubo — ilustrita bela prospekto de la kongresurbo 1966.

Atendas vin Szeged — faldfolia prospekto, ilustrita, pri la interesa hungara urbo Szeged.

Prezidanto Ho-Chi-Minh—respektinda gvidanto de la vjetnama popolo — de Truong — Chin. Eldonis Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1966 j. Libro 90-paĝa.

Ankoraŭfoje ni venkos — de generalo Vu Nguyen Giap. Fremdlingva eldonejo, Hanojo, 1966 j. Paĝoj 48.

Budapest — bindita libro — ilustraĵoj — vidindaĵoj de Budapest, dua eldono.

Pionirfervojo — ilustrita faldprospekto pri la fervojlinio infana en Budapest.

Novi Sad — bele ilustrita prospekto pri la bela jugoslava urbo Novi Sad.

La plej bona el la plej bonaj — ilustrita 4-paĝa gandformata eldono pri la kuirarto de Hungario.

Ni akuzas la imperialismon — ilustrita malgranda 2-paĝa flugfolio de Komunista Junulara Asocio Hungarlanda.

Flugu per MALEV al Bugapest — bone ilustrita faldfolio multpaĝa pri Budapeŝto kun diversaj informoj pri la hungara ĉefurbo.

Soveta Uzbekistano — stencilita 28-paĝa libreto pri la soveta respubliko Uzbekistano. Eldono de Komisiono pri internaciaj ligoj de esperantistoj de Soveta Uzbekistano.

Informa bulteno de foiro en Brno. Grandformata 16-paĝa broŝuro pri la foiro en Brno, Ĉeĥoslovakio, 1966 jaro. Eldonas Informa Servo FEB, Hlinky 104, Brno.

**PETO**

La kolegoj en Israel estas petataj ankoraŭ nun komenci prepari materialojn pri la kongreslando 1967 kaj sendi ilin (artikoloj, notoj, priskriboj, fotoj ktp.) al „Internacia Ĵurnalisto" ĝis 15-a de majo 1967.

---

(Sekvas de p. 5)
samtempe donis proponojn kaj rekomendojn por plibonigo de la laboro.

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio devas krei interrilatojn kun ĉiuj internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj. Ekzemple, kun la Internacia Ĵurnalista Organizaĵo, funkcianta en Praha, kun la ĵurnalista asocio en kiu membras parto de la ĵurnalistaj unuiĝoj en Okcidento, krome kun la Organizaĵo de Panafrikaj ĵurnalistoj, ne forgesante ankaŭ la Internacian Unuiĝon de Sportĵurnalistoj. Verŝajne troviĝas pluaj similaj branĉorganizaĵoj, kun kiuj TEĴA konstruu oficialajn interrilatojn. Kunlaborante kun tiuj profesiaj ĵurnal. unuiĝoj, TEĴA povas efike propagandi E-ton kaj siajn celojn. TEĴA, kiel parto de la neŭtrala movado por Internacia Lingvo, eble eĉ povus esti iaspeca ligilo inter ĵurnalistaj organizaĵoj kun diversaj politikaj aspektoj en ilia klopodo por la homa progreso kaj tutmonda paco.

### Koncerne la organon „Internacia Ĵurnalisto"

„I. Ĵ." devas pli celkonscie okupiĝi pri la redaktado kaj la enhavo de la esperantista gazetaro, cetere pri la problemoj de la propagando de Esperanto en la nacilingva gazetaro. Ekzemple, konsilinde estas, ke la plejparto de nia E-gazetaro moderniĝu. Pro tio ĉiu n-ro de „I. Ĵ." devas analizi kaj kritiki sinsekve ĉiujn esperantistaĵoj, ĉiun E-organon – kompreneble laŭ la eblecoj. „I. Ĵ." devas doni konsilojn kaj proponojn, devas montri la bonajn ekzemplojn de enhavo kaj redaktmaniero kiel imitindajn. Tiel nia organo „I. Ĵ." povas fariĝi tribuno por interŝanĝo de fakesperto, por ke la E-gazetaro povu doni pli bonan helpon al la E-movado. La preleginto Szenes parolis pri propono transformi la organizan organon de HEA „Hungara Esperantisto" en dulingvan revuon, aĉeteban en strataj butikoj.

La referinto proponis ankaŭ eldonadon de regionaj E-ĵurnaloj por kelkaj landoj. Anstataŭ multaj ne altnivelaj E-gazetoj, oni devas eldoni pli malmultajn, sed bonkvalitajn. La pli grandaj internaciaj E-jurnaloj vekos pli grandan interesiĝon al Esperanto.

„I. Ĵ." devus konstante observi la propagandon de nia E-afero ankaŭ en la nacilingva gazetaro, montri la bonan laboron de iuj gazetoj kiel modelan.

Fine la preleginto Szenas konkludis, ke ĉiuj liaj proponoj estas nur diskutindaj. La referato de nia hungara kolego estis interesa. Kaj certe la tuŝitaj de li problemoj pri nia gazetaro oni diskutos estonte tiel en „Internacia Ĵurnalisto", kiel ankaŭ en la cetera E-gazetaro.

---

Kolegoj, altiru al TEĴA novajn membrojn!

Nia raportaĵo

## LA PERLO DE DANUBO

### VOJAĜPRISKRIBO

Ni scivolemas vidi „la liman sulkon". Ne estas videbla. Pannoniaekspres haltas ĉe stacidomo Kelevia, ornamita per hungaraj kaj esperantistaj flagoj. Sur la fasado pendas la emblemo de la 51 UK kaj slogano: „Bonvenon en Hungario" ! Jen juna fervojisto sur kies mano estas rubando „Esperanto" kaj insigno „Deĵoranto". Li afable bonvenigas nin. Gaja knabino donacas al ni florojn. Ni troviĝas sur la tero de Petjofi. Al kiu ajn flanko ni direktiĝas ni vidas nur senfinan ebenaĵon.

Budapeŝto! Reĝino de la Danubo!

La stacidomo estas ornamita per esperantistaj flagoj kaj slogano: „Bonvenon en la kongresurbo!" Rapide ni okupas la lokojn en la aŭtobuso.

Ni troviĝas sur la strato „Lenin" sur kiu flirtadas granda Esperanto-flago. Rapide ni trapasas ponton sur Danubo. En la trankvila akvo sin spegulas la brila Parlamento. La panoramo ŝanĝiĝas. Ni estas leĝigitaj kaj ni rajtas trarigardi Budapeŝton. Ni supreniras la altaĵon. Neforgesebla panoramo plezurigas nin. Bud-ĉielo, majesta urbego, granda rivero, longaj pontoj, palacoj, preĝejoj, fortikaĵoj-sonĝoj. . .

Se iu ŝatus senti sin en la historia medio, sopiri la romantikan etoson kaj ĝui la belegan panoramon, li vizitu la Fortikaĵon situitan meze de la ĉefurbo. Pri la historio de fortikaĵoj ni ne parolu, ĉar ĝi estas tro longa. Ni vizitu la muzeon.

Buda! Akropolo de l'scienco kaj arto!

Senvole nin kaptas la romantiko. Ni foliumas pense la historion de tiu mondurbo. Sinsekvas jarcento post jarcento, gentoj post gentoj, popoloj, militoj, detruaĵoj, kaj sur la scenejo en la IX jarcento aperas hungaroj, kiuj konkeras sian patrujon. Sed ni lasu la historion kaj daŭrigu nian promenadon.

Jen la preĝejo Matiaso, kiu havas originalan bazilikan formon. Dum la turka regado ĝi servis kiel moskeo. Dekstre de la preĝejo staras la statuo de reĝo Stefano la 1-a (978—1087). Post kelkaj paŝoj ni atingas la fortikaĵon nomita Fiŝista-bastiono. Vaste etendiĝas antaŭ ni la panoramo de la maldekstra parto de Budapeŝto. Ĉi tie estas multe da rimarkindaĵoj. Je la fono de la blua ĉielo konturiĝas la turoj de Fiŝista-bastiono. La historio denove rememorigas al ni, ke antaŭ la turka okupado dum la milito kontraŭ la turkoj, ĝin devis defendi la fiŝistoj loĝantaj ekster la muroj. Pro tio oni nomas ĝin Fiŝista bastiono.

Ho, Buda! Via longa historio estas skribita per la sango de l'pereintoj. Ni deziras al vi trankvilan vivon: „Nemiam plu milito!". . .

La aŭtobuso trapasas la tunelon kaj ni troviĝas sur la famekonata „Elizabeta ponto", la unua ponto sur Danubo konstruita antaŭ pli ol 200 jaroj. . .

Jam ni troviĝas en Peŝta. Longa kaj tre interesa estas ĝia historio. Eĉ bulgaroj migrantaj el la regiono de rivero Volga estis venintaj ĉi tien. Sed scenejo de grava historia evento fariĝis Peŝta en 1458 j. En jaro 1872 oni deklaris laŭleĝe la unuiĝon de la danubaj urboj Buda kaj Peŝta.

Budapeŝto! Unika perlo de Danubo! Ĝi havas du milionojn da loĝantoj. Centro de la hungara kulturo, arto kaj politiko. Ĝi havas 12 teatrojn, 2 operdomojn, 2 koncert-halojn, pli ol 100 kinoteatrojn, muzeojn, galeriojn. . . Kien ni iru? Ĉu estas eble vidi ĉion?

Ni troviĝas en urba bosko de Budapeŝto en kastelsistema romantika konstruaĵgrupo, kiu mem havas muzean valoron. Ĉi tie estas la Agrikultura muzeo. Ni tre rapide trarigardas ĝin, ĉar oni devas viziti la Muzeon de la pentra kaj plastika arto, kiu troviĝas antaŭ la granda placo kaj la imponaj monumentoj de ĉiuj hungaraj reĝoj. Tri horojn ni ĝuas la figuran belarton de la plej famaj pentristoj. Ĉi tie oni vidas la mirindan arton de l' homa mano, kiu revivigas la marmoron en realajn figurojn.

Ni daŭrigas nian ekskurson. Ĉiuloke amasiĝas historiaj kaj kulturaj monumentoj. Ni direktiĝas al l

## TRA LA GAZETARO

### NI NE FORGESU LA ĴURNALISTOJN!

En „Heroldo de Esperanto" (N-ro 6, p. 4) A. Frangeul (Francio), sub la rubriko „Parolas la legantoj" kaj titolo „Problemoj de informado" skribas:

> Mi pensas, ke en la nuna periodo nia ekstera agado devus esti centrigita al amasa informado de la publiko laŭ novaj metodoj, kiuj konvenas al la hodiaŭa mondo. Unue, krei en ĉiu landa asocio informan komisionon kun esperantistoj pli malpli specialistoj pri sia profesio. Due, „pafi al la kapo". Tio signifas, se eble, amike kaj persone rilati kun personoj de ŝlosilaj pozicioj en la informa fako: gazetaraj agentejoj, televido, radio, grandaj ĵurnaloj. Tria klopodo: kapabli liveri al tiuj personoj fidindan materialon en la formo, aspekto kaj en lingvaĵo kutimaj en tiuj medioj. Tio ne povas esti amatora laboro".

Ni konsentas kun la aŭtoro A. Fr. Sed kial li ne montras, kiuj estas tiuj „specialistoj pri sia profesio"?! Ĉu ili ne estas antaŭ ĉio la ĵurnalistoj, la plej konvenaj kaj kapablaj esperantistoj, lertaj majstre plenumi la taskon pri la informado? Do-oni menciu ilian profesian nomon „ĵurnalistoj", la spertuloj, en kies medioj ni devas pli obstine eklabori, gajni ilin kiel esperantistojn, altiri ilin kiel informantojn. Ja la plej bonaj kunlaborantoj de la „Informa Fako" de UEA estas ili-la ĵurnalistoj. Ili, precipe, publikigas la informojn de la Gazetara Servo de UEA. Ni ne forgesu mencii ilian profesian nomon.

Es. Perov

Parlamento, sed . . . ĝiaj pordoj estas fermitaj. Pro tio ni vizitas la Nacian pentristan galerion-kontraŭ la Parlamento. Tio estas malalta trezorejo, kie troviĝas la plej valoraj pentraĵoj kaj skulptaĵoj de la plej talentaj aŭtoroj de ĉiuj epokoj. . .

Ni jam estas lacaj. Ni bezonas ripozon. La aŭtobuso trapasas ponton sur Danubo kaj ni troviĝas en bela parko kun multaj floroj kaj ombrodonaj arboj. Ni estas feliĉaj ripozi kaj vidi la solan „Perlon de Danubo" — la famekonatan „Margaretinsulon". e laĈ enirejo pompadas la ŝprucfontano brilanta en ĉiuj koloroj de la ĉielarko. Ne estas eble priskribi kion ni vidis ĉi tie, sed nia gvidanto rakontis al ni: „En jaro 1241—1242 tataroj dezertigis Hungarion. La reĝo rifuĝis kun sia familio en Dalmacion. Post la foriro de la malamiko li revenis. Pro voto li dediĉis sian filinon Margareto al la eklezio. . . Stranga historio, ĉu ne?

La ripozo en la parko estas tre agrabla. Sed ni devas vojaĝi per infana vagonaro. Ĉu ni rakontu pri tiu pionirfervojo? Ĉu ni priskribu la ĉarmajn lokojn, kiujn ni vidis? Mankas tempo. Vesperiĝas. Miloj da elektraj lampoj ekbrilas sur la Elizabeta ponto, kiu rakontas al ni mirindajn fabelojn. Poste ni lasas nin en la ĉirkaŭprenoj de la Budapeŝtaj noktoj. Minutoj de silento, minutoj de revoj. . .

Sed ni devas diri ion pri la 51 UK. Pli ol 4000 gekongresanoj el 40 landoj okupas siajn lokojn en la vasta Petjofi-halo. Post la malfermo de la Kangreso fare de la prezidanto de UEA prof. d-ro Ivo Lapenna sekvas kongresa marŝo. La prezidanto bonvenigas la vicprezidanton de la Hungara Popolrespubliko — la Altan Protektanton de la Kongreso Odön Kristehazi, la prezidanton de la ĉefurba konsilantaro Iatyan Sarlos, la reprezentantoj de la ŝtatoj kaj ĉiujn kongresanojn. La kongreso estas salutata de 48 reprezentantoj el diversaj kontinentoj kaj ŝtatoj. En la Kongresejo ĉiam estas interese. Amikaj renkontiĝoj estas neforsegeblaj. Dum la kongresaj tagoj okazis multaj kunvenoj pri kiuj estas neeble skribi, okazis artaj vesperoj, koncertoj. . .

Kien ni iru? „Luna park" afable alvokos nin: „Venu, amuzu, ridu. . ."! Kaj ni direktiĝas tien. Ni plu ne sentas nin lacaj. Ĉi tie oni forgesas ĉion, pro tio ni restas ĝis meznokto. Jam 9 tagoj la belulino Budapeŝto amĉirkaŭprenas nin. Sed laŭ la programo, morgaŭ frumatene ni devas vojaĝi al la lago Bala on.

tBudareŝto! Ju pli maljuna ni vidas vin, des pli juna vi estas, ĉar trans la fortikaĵoj, je la fono de la blua ĉielo supienstaras la graciaj statuoj de la novaj socialistaj konstruaĵoj, por la novaj homoj. Novaj universitatoj kaj lernejoj, hospitaloj, teatroj ktp pruvas per videblaj faktoj, ke ne estas nur teorio: „La plej granda valoro estas la homo".

Pacamikoj de ĉiuj landoj kaj kontinentoj venis ĉi tien por diri sian vorton: „Ni deziras vivi en paco!"

Kaj Danubo, kiu banas la bordojn de Bulgario kaj Rumanio, de Jugoslavio kaj Hungario plu ne devas disigi la popolojn, sed kunigi ilin sammaniere kiel la nunaj pontoj kunigas Buda-n kaj Peŝta-n.

B u d a p e ŝ t o, a ŭ g u s t o 1966

**Vesela Ivanova**
**Ivan Ŝivarov**

## SCIIGO

ĈK de Bulg. E. Asocio sciigas al la legantoj, ke pro difektoj kaj riparoj en la presejo, la apero de „Bulgaro Esperantisto", „Int. Ĵurnalisto" k. a. malfruiĝis.

## KUNLABORU AL „INTERNACIA ĴURNALISTO"

*Se ni deziras ke nia organo „I. Ĵ." fariĝu interesa, varia kaj celtrafanta armilo de TEĴA, nepre sendadu kontribuaĵojn al ĝi — artikolojn, informojn, literaturaĵojn kaj bonhumoraĵojn, fotojn kaj karikaturojn.*

Redakcio: Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, tel. 3—34—04, Bulgario

# ŜTATA EKONOMIA INTREPRENEJO POR LAKTOPRODUKTOJ — VARNA

## PRODUKTAS

altkvalitajn laktaĵojn:

**A. Eksportatajn por la eŭropaj kaj la proksimorientaj merkatoj —**

ŝafina blanka peklakva fromaĝo en ladskatolegoj;
ŝafinlakta flava fromaĝo „Kaŝkaval“ kaj „Vitoŝa“;
ŝafinlakta centrifugita butero.

**B. Por la enlanda merkato —**

fromaĝo el ŝafina kaj bovina lakto;
flava fromaĝo „Kaŝkaval“ el ŝafina kaj bovina lakto;
ĉiuspecaj laktaj buteroj;
jogurto kaj freŝmelkita lakto;
du specoj da kremglaciaĵo kaj laktoglaciaĵo (gelato);
kazeo por dietuloj kaj ordinara kazeo;
laktoj kun fruktosukoj kaj jogurt-trinkaĵo

**La pligrandiĝinta** intereso rilate al niaj laktoproduktoj estas **eksterordinara** — jam ĉe la unua aĉeto, ili mem reklamas sin per **siaj** gustokvalitoj kaj komerca aspekto.